# juna amiko

N-ro 72
95/1

Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto




# ilei

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

Komenciĝis jam nia jar-komenca numero, ĉar la sportisto ekkuris kovrile. Li invitas vin kun-kuri de paĝo al paĝo de nia gazeto ĝis la fino. Kaj kio estas tiu stranga litero en kesto komence de nia enkonduko? Similan figuron vi vidas ĉe la fino. Ili estas rebusoj (enigmoj). Kiun vorton prezentas ili? Solvon vi trovos poste en la revuo.

Kvankam la respondintoj al nia enketilo ĝenerale aprobis la lingvan nivelon de nia revuo, kelkaj praktikantaj instruistoj skribas al ni kun petoj aperigi pli da simpla materialo. Sur la komencaj paĝoj de nia nuna numero ni provas fari tion. Estonte same.

Apude vi trovos konsilojn por la ĝusta uzo de niaj tem-verboj **komenci** kaj **fini**. Ni multe uzas ilin poste en dialogoj, enigmoj, skeĉoj, artikoloj kaj konkursoj. Vi povos legi ankaŭ pri la rolo de Karlo komence kaj fine de la vid-bendo *Mazi en Gondolando.* Kaj tute fine, vi triumfos kune kun nia gvidanto-kuranto, desegnita por ni de Klári Felszeghy.

Koran dankon al ŝi, al nia regula desegnisto Pavel Rak, al ĉiuj aŭtoroj, helpantoj, perantoj kaj re-abonintoj.

Komenc-fine
salutas,

Stefan

Stefan MacGill
5 mar 95.


**Juna amiko**
**Eldonas ILEI. Aperas kvarfoje jare.**

## Abonprezo:

**Internacie ĉe UEA: 16 NLG. Ĉe la kasisto de ILEI 60 SEK: B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio, pĝk. 682117-7 Stokholmo.**

**Perantoj en 30 landoj akceptas kotizojn en naciaj valutoj, ekz. 9 USD, 14 DEM, 5 GBP, 45 FRF, 800 ESP, 1000 JPY, 55 NOK, ktp.**

**Latinamerika taifo: 8 NLG. Pli favoraj regionaj tarifoj laŭ pagipovo. Rabatoj ĝis 50% por pakaĵaj mendoj. Vidu numeron 94/3 por plenaj informoj. Specimeno petebla de la redakcio (vidu sube). En Hungario jarabono kun poŝta livero: 240 HUF, pagebla al la hungara ILEI-sekcio aŭ en la klubejo 'Esperejo'.**

## Anonc-tarifoj:

**Kvaronpaĝo: 40 NLG aŭ 4 jar-abonoj en aliaj okcidentaj valutoj. 900 HUF enlande. Duonpaĝo: 60 NLG. aŭ 6 jarabonoj. 1400 HUF. Tuta paĝo: 800 HUF 80 NLG aŭ 8 jarabonoj. 1920 HUF**

**Korespondpetoj kaj anoncetoj rilate al E-instruado aperas senpage. Por aliaj 1 NLG, 1 irpk aŭ 60 HUF linie.**

## Kontribuaĵoj bonvenaj:

**Laŭeble tajpita klare kun nigra-blanka akompana ilustraĵo. Livero sur komputila disko bonvena (plej bone por Winword)**

**Junaj legantoj el ne- kaj ne-tro-pagipovaj landoj, kies kontribuaĵon ni aperigos, ricevos senpagan jarabonon. Ĉiu ricevos senpagan aŭtoran ekzempleron.**

**Redaktoro:**
**Stefan MacGill**
**Adreso: Juna amiko,**
**pf. 193, HU-1368 Budapest**
**Hungario**
**ISSN 0230 1318**

FARANTO

| | | |
|---|---|---|
| La profesoro<br>La aktoroj<br>La instruisto<br>Ni<br>La turistoj<br>La generaloj<br>La esploristoj<br>La prezidanto | **komencas**<br>**finas** | la prelegon.<br>la teatraĵon.<br>la lecionon.<br>la koncerton.<br>la ekskurson.<br>la militon.<br>la vojaĝon.<br>la kongreson. |

REZULTO

| | |
|---|---|
| La prelego<br>La teatraĵo<br>La leciono<br>La koncerto<br>La ekskurso<br>La milito<br>La vojaĝo<br>La kongreso | **komenciĝas.**<br>**finiĝas.** |



☺ **Komenci** kaj **fini** estas du-ligaj (transitivaj) verboj. Ili permesas al ni indiki la faranton de la ago:

**Iu komencas ion.**
**Mi komencas la laboron.**
**Ili komencas la feston.**

**Iu finas ion.**
**Ni finas la taskon.**
**Ili finas la paradon.**

Se ni volas indiki nur la rezulton, kaj ne la faranton, ni povas formi la unu-ligajn (ne-transitivajn) verbojn per **-iĝ-**.

**Io komenciĝas.**
**La laboro komenciĝas.**
**La festo komenciĝas.**

**Io finiĝas.**
**La tasko finiĝas.**
**La parado finiĝas.**

# Imaga parad'!



Post longa starad'
Alvenas parad'.
Tuj komenciĝos,
Certe prestiĝos.

Bubeta ek-krio,
Videblas jam io.
Svingo de man'
Jen karavan'!

Patrinoj al idoj
Kun alt-tonaj ridoj
Fingre indikas
Al trup', kiu muzikas.

Pompa la estro
de tuta orkestro.
Altul' ĉe komenc'
Per plena potenc'
Fanfaras trumpete
Kaj blovas impete,
Dum dikulo ĉe fin'
Por impreso de l'in'
Virece tamburas —
Li feston aŭguras.

Hundeto ekbojas
'Parado survojas!'
Huraoj ĉe-lipe
Ĝu-anticipe.

Infanoj sur-ŝultre
El ĉiu angul' tre
Vigle pep-gestas
'Vidu! Eĉ bestoj ĉeestas!'

Jes, buntas l' imag'
En parad-festa tag'!

smg

La viroj, virinoj, junuloj, infanoj, geknaboj ... kaj hundo... staras surstrate. Ili atendas ion. Ili atendas paradon. Baldaŭ ĝi venos. Baldaŭ la granda festo komenciĝos. Dume, ĉiu pensas pri io, kio aperos en la parado. Infanoj pensas pri bestoj kaj klaŭnoj, la hundo pri kolbasoj kaj manĝaĵoj, junuloj kaj viroj pensas pri la belaj junulinoj en la danc-grupo, knabinoj kaj virinoj pensas pri ... nu, ĉiu havas iun paradan imagon.

***Same vi havu imagon! Donu viajn opiniojn pri ĉio!***

- Kiuj muzikistoj aperos? Kiujn instrumentojn ili ludos? Kiel?
- Kiuj bestoj aperos en la parado? Kion ili faros? Kiuj gvidos ilin?
- Kiuj artistoj aperos? Kion ili faros por amuzi la spektantojn?
- Ĉu oni disdonos ion dum la parado? Kion? Kiel? Kiuj ricevos tion?
- Kiuj venos en la komenco de la parado? Kiuj en la fino?
- Kion faros la spektantoj post la fino de la parado?

*************************

Meze de la parado subite okazos stranga incidento. Sed ĉar estas imaga parado, ni ne scias precize, kio okazos. Vi mem devos decidi. La hundo meze de la bildo subite faros ion. Kion? Vi decidu. La hundo havas posedanton. Kiu? Ni ne scias, vi elektu iun el la bildo. Decidu, kion faros tiu posedanto. En via rakonto estu minimume tri aliaj personoj. Elektu el:

ĵonglisto, orkestrestro, ĉeval-rajdisto, mono-ciklisto, klaŭno, la urbestro, akrobato, trumpestisto, policisto, bela dancistino, viand-butikisto, magiisto, balon-vendisto, la tamburisto.

*************************

Ĉu en via urbo ofte okazas paradoj? Ĉu vi ŝatas ilin? Kion oni povas vidi en tiuj paradoj? Ĉu vi iam partoprenis en strat-parado? Kion vi faris?

En grupo, planu perfektan strat-paradon. Kiujn vi invitos? Kion ili faros? Kiom da homoj partoprenos? Kiuj venos en la komenco de via parado? Kiuj venos en la mezo? Kiuj venos en la fino?

**PARADAJ VORTKLARIGOJ**

io prestiĝas: ĝi havas meriton, pro kio oni prave respektas ĝin.
bubo: ne tro bonkonduta infano.
trupo: organizita grupo.
pompa: digna, tre fiera.
orkestro: granda muzikistaro.
fanfari: anonci impone kaj muzike.
impete: kun granda energio
aŭguras: antaŭ-anoncas
hurao: jubila ĝoj-krio
anticipe: antaŭvide
pepas: faras bruon kiel birdeto
gestas: faras signojn per brakoj
buntas: estas vigla kaj mult-kolora

## Kiam komenciĝas kaj finiĝas...?

| Horoj | Lunde | Marde | Merkede | Ĵaŭde | Vendrede |
|---|---|---|---|---|---|
| 09.00-09.45 | Matematiko | Historio | Scienco | Muziko | Esperanto |
| 10.15-11.00 | Geografio | Historio | Sporto | Matematiko | Geografio |
| 11.30-12.15 | Lingvoj | Matematiko | Geografio | Ekonomiko | Scienco |
| 14.15-15.00 | Arto | Sporto | Matematiko | Lingvoj | Sporto |
| 15.30-16.15 | Arto | Sporto | Muziko | Geografio | Sporto |

1. Kiam komenciĝas la leciono de geografio en lundo? Kiam ĝi finiĝas?
2. Kiu leciono komenciĝas je 14.15 en vendredo? 15.30 merkrede?
3. Ĉu je la deka tridek lunde oni studas matematikon?
4. Kiam finiĝas la leciono de Esperanto en vendredo?
5. En kiuj tagoj oni sportas? Ĉu matene aŭ postagmeze?
6. Je 15.45 en lundo, ĉu la art-leciono estas komencita? Ĉu finita?
7. Kiam komenciĝas la lunĉ-paŭzo kaj kiam ĝi finiĝas? Kiom ĝi daŭras?
8. Kiun lecionon vi plej ŝatas? Kiun vi plej malŝatas?
9. Kion oni studas tagmeze en ĵaŭdo? Je 09.30 lunde? Je 09.30 vendrede?

Faru similan (pli allogan) horaron pri televida programo, sporta turniro, eroj en pop-koncerto, strat-parada-programo, Esperanto-renkontiĝo ktp.

## Ĉu mi fruas aŭ malfruas? — dialogu!

**Lernanto 1:** La festo komenciĝos je la kvara tridek.
**Lernanto 2:** Mi alvenis!
**Lernanto 3:** Nun estas la dua kvardek kvin.
**Lernanto 2:** Bone, do mi fruas!

L1 kaj L3 devas decidi tempo-punktojn. L2 devas aŭskulti bone la informojn de L1 kaj L3 kaj decidi, ĉu ŝi aŭ li fruas aŭ malfruas. Se malfruas, L2 diros *Bedaŭrinde, mi malfruas*. La festo daŭras tri horojn. Se L2 alvenas post tio, ŝi aŭ li povas diri. *Ho ve, la festo ne nur komenciĝis, sed eĉ finiĝis. Mi tre malfruas*! La aliaj kontrolu, ĉu ŝi aŭ li ĝuste aŭdis kaj respondis.

Kreu la dialogon multfoje kun varioj, ekz.

komenciĝi → ek-okazi .
la dua tridek → duono post la dua.
fruas → estas frua → alvenis frue.
malfruas → estas malfrua → alvenis malfrue.

➢ Edzo rakontis al amiko: "Nia kvelerelo estis terura! Ĝi komenciĝis je la oka horo kaj daŭris ĝis la deka. Sed en la fino, — imagu — mia edzino genuiĝis sur la planko antaŭ mi!"

"Ho!" respondis la amiko: "Mirinde! Ĉu ŝi humile petis pardonon?"

"Ne precize. Ŝi kriis: 'Se vi ne tuj elvenos de sub tiu lito...' !"

➢ Iu profesoro pri matematiko estis geniulo, tamen iom forgesema kaj nepraktika. Li klarigis al la klaso: "La ĝusta metodo solvi ĉi tiun problemon estas ... komence skribu la ekvacion sur la nigra tabulo kaj sekve fikse rigardu ĝin, ĝis — finfine — la solvo ekvenas al vi en la menson!"

*Steĉjo Norvell el Inter ni.*




*Kio komenciĝis en 1914? 1859? 1939? 1887? 1492? 1945?*

1. En la komenco de la aŭtuno, la folioj...
2. En la fino de la aŭtuno, la folioj...
3. Kiam staras 32 figuroj sur la ŝak-tabulo, ĉu la ludo komenciĝas aŭ finiĝas?
4. Kiam staras dudek du freŝaj viglaj futbalistoj, ĉu la ludo komenciĝas aŭ finiĝas?

Lundo finiĝas kaj kio komenciĝas? Aprilo finiĝas kaj kio komenciĝas? Aŭtuno finiĝas kaj kio komenciĝas? La mateno finiĝas, kio komenciĝas? La deksepa jarcento finiĝas, kio komenciĝas? Kio komenciĝos post kvin jaroj? Kio komenciĝos, kiam ĉiuj militoj finiĝos?

*Pli da similaj ekzercoj aperas en* Tridek roluloj, *fine de la teatraĵo* La psikologo sukcesas, *ankaŭ en la tria kajero de* Tendaraj tagoj, *ĉap. 72.*

# Pri la kategorioj de komencantoj

Persono, kiu komencas ion estas **komencanto**. Se vi lastatempe (antaŭ ne-longe) komencis lerni Esperanton, vi estas komencanto. Se vi delonge lernas, vi estas **progresanto**. Ne ekzistas fin-lernintoj de Esperanto (nek de iu ajn lingvo!), ĉar ĉiam restas vortoj aŭ esprimoj por lerni.

Feliĉe, Esperanto estas pli simpla ol naciaj lingvoj, kaj eĉ komencanto povas tre frue post la komenco de la kurso ek-skribi leterojn por korespondi aŭ konversacii kun eksterlandaj esperantistoj. Unu utila frazo por komencanto en kongreso aŭ renkontiĝo estas:

*"Pardonu, mi estas komencanto. Bonvolu paroli malpli rapide kaj uzu pli simplajn vortojn."*

Kutime via parol-partnero konsentos kaj helpos vin. Sed iam komencanto petis al fama esperantisto:

*"Bonvolu paroli pli malrapide!"* Tiu rifuzis kaj respondis:

*"Ne! Vi bonvolu aŭskulti pli rapide!"*

Li respondis tiel, ĉar li ne povis toleri kaj ne volis helpi specialan kategorion de komencanto, tio estas la **eterna komencanto**. Tiu persono ĉiam ek-lernas la lingvon, sed neniam sukcesas ek-esti progresanto. Esperanto ja estas simpla lingvo kompare al aliaj, sed tio ne signifas, ke oni povas lerni ĝin sen laboro, studo, ekzercado kaj diligenteco.

Se vi estas komencanto, komence uzu la supran help-frazon, sed finu uzi ĝin kiel eble plej baldaŭ! Tiam, vi jam ĉesis esti komencanto, kaj vi komencis esti progresanto. Gratulon! Tiam vi povos komenci uzi alian utilan frazon:

*"Vi rajtas paroli al mi pli rapide kaj uzi eĉ komplikajn vortojn, ĉar mi jam ne plu estas komencanto!"*

smg

Sur la enkonduka paĝo komence de la gazeto aperis du rebusoj. Unu komence de la enkonduko, unu fine. Rebuso estas litera kaj foje bilda enigmo. Ĉu vi komprenis la aferon kaj jam solvis la rebusojn? Supre, vi vidis la literon **C**, kaj en ĝi estis komo. Do, kompreneble temas pri **kom' en Co,** aŭ **komenco**! Sube aperas la litero N. Sed ĝi montras sian langon, kun fingroj en la oreloj. Vere, tio estas malĝentila gesto, eĉ fia konduto. Do, ĝi estas **Fi-No**! Nun vi certe komprenas pli bone. Kion prezentas do la supra rebuso?

**ab**
**da**

Vi scias, kio estas fino, sekve loĝanto de nia kongreslando de 1995 ne povas esti same **fino**, sed estas **finno**. Niakaze, finnino, ĉar ni tre ĝojas anonci novan finnan peranton por *Juna amiko*: s-ino Sylvia Hämäläinen, Teivaalantie 85, SF-33400 Tampere. Unu abono kostos 48 finnajn markojn (FIM), inter 2 kaj 4 po 36 FIM, inter 5 kaj 21 po 32 kaj pli ol 22 po 28. Ni bonvenigas abonojn por 1995 el nia kongreslando! kaj tio bone enkondukas nian sekvan temon!

---

# Kiam komenciĝos la someraj aranĝoj?

Ni memorigas vin pri kelkaj someraj aranĝoj. La Universala Kongreso kun la apuda Infana Kongreseto komenciĝas en sabato, la 22an de julio kaj finiĝas en la posta sabato, la 29an de julio. Ruskepään Lomakoti estos la loko de la IK, vilaĝo 34 km. de Tampere. Estos lokoj por nur 30 infanoj, ĉefe inter la aĝoj de 8- kaj 12-jaraj. La kotizo estas 420 NLG. Informoj: C. Fettes, St. Columba's College, Dublin 16, Irlando. (tel.+353-1493-1984, fakso +353-1493-6655.)

En la tago, kiam finiĝas la UK, komenciĝas la ILEI-konferenco en Övik, apud-mara vilaĝo 192 km. de Tampere, 50 km. de Helsinki. Semajna restado kun manĝoj kaj programo ekde 340 NLG. Samtempe okazos la 3a ILEI-gimnazio por 13-16–jaruloj, kotizo iom malpli. Petu detalojn pri ambaŭ de la kasisto de ILEI (adreso, p.2). La konferenco kaj la gimnazio finiĝos en vendredo, la 4an de aŭgusto.

. tagon poste komenciĝas ĉe lago apud la hungara urbo Tata (80 km. okcidente de Budapeŝto) la 17a Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj (REF). La kotizo estos 120 DEM por infanoj kaj 170 por gepatroj (6 mil kaj 8 mil forintoj por hungaroj k.s.) Petu aliĝilon, informojn de: Besenyei Anna, Szerémi út 21, VI, 20, HU-1117 Budapest. REF finiĝas en la 12a de aŭgusto, sed dume jam komenciĝis en la 8a de aŭgusto samloke la Internacia Junulara Semajno (IJS) kaj MEJS (Mez-Eŭropa Junulara Semajno), kiuj finiĝas en la 15a de aŭgusto.

**Do, abunda elekto! Ĝis revido en la someraj renkontiĝoj!**

☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺☺

☺ Vi povas uzi la prefikson **ek-** por indiki la komencon de ago, ekz. *Mi komencas salti. Mi ek-saltas. Mi komencas dormi. Mi ek-dormas.* aŭ *Mi endormiĝas.*

☺ Ni ne havas prefikson **mal -ek**. Por indiki tion vi povas uzi la radikon **fin-** prefikse: Ekzemple: Ni fin-legis la libron.
Ĉu vi fin-dormis?
Ĉu vi fin-elsendis la gastojn?

Foje oni uzas la prefikson **el-** por la signifo **fini**. Ekz: *Mi ellegis la libron*. Sed, tio donas duan signifon al la sufikso kaj la dua signifo estas fakte idiomo en nur kelkaj eŭropaj lingvoj, kaj sekve ne tro bona ideo. **Fin-** esprimas la signifon pli klare (precipe en la lasta ekzemplo!).

**Sur paĝo tri ni komencis klarigi la uzon de *komenci* kaj *fini*. Nun ni aldonas pliajn informojn por helpi vin!**

☺ Foje ni formas du-vortan verbon per **komenci**. En tiu kazo, la dua verbo decidas la uzon. Se ĝi estas unu-liga, la tuta du-vorta verbo estas unu-liga:

**Mi saltas. Mi komencas salti.**
**Mi venas. Mi komencas veni.**
**Ŝi ploras. Ŝi komencas plori.**
**Ni falas. Ni komencas fali.**
**Ni ĝemas. Ni komencas ĝemi.**
**Ili ĝojas. Ili komencas ĝoji.**

Se la dua verbo estas du-liga, same du-liga estas la tuta du-vorta verbo:

**Mi manĝas supon. Mi komencas manĝi supon.**
**Mi legas la libron. Mi komencas legi la libron.**

(Ni ne ofte formas du-vortan verbon per **fini**, pli ofte ni uzas **ĉesi**. Ekz: Ŝi ĉesis plori. Li ĉesis paroli. Ili **finis** la *supon*, sed *ili* **ĉesis manĝi** la *supon*.)

☺ Foje via instruisto venas en la klas-ĉambron kaj entuziasme krias: ***"Ni komencu!"*** Tio ne signifas, ke **komenci** subite estas unu-liga verbo. Ĝi estas kaj restas du-liga verbo. Nur la instruisto en tiu momento decidis ne diri la duan ligon. Li volis diri, kompreneble,

*"Ni komencu la lecionon"* aŭ
*"Ni komencu studi matematikon."*

Sed vi, la personoj al kiuj li parolas, jam scias, ke **lecionon** vi komencos, aŭ ke **studi matematikon** vi komencos, kaj la instruisto scias, ke vi scias. Do, la duan ligon de la verbo **komenci** aŭ **fini** li ne diros, ĉar tio ne komunikas al vi novan aŭ utilan informon.

**Faru seriozan klopodon uzi tiujn du verbojn korekte. Tio montros al aliaj, ke vi bone regas la lingvon. Vi povos esti pli lerta ol eĉ mult-jaraj uzantoj de la lingvo.**

**Imagu, ni vidis tute bazajn erarajn uzojn de tiuj verboj en oficialaj afiŝoj pri program-ŝanĝoj pendigitaj de LKK (Loka Kongresa Komitato) en kongresejo de Universala Kongreso de Esperanto kaj en la informiloj de profesia Esperanta vojaĝ-oficejo! Vi estu pli lertaj ol ili!**

# KRUCENIGMO
K





**Horizontale**

2. Ne plu okazas. Venas al fino.
6. Maltrafos. Intence iros for de obstaklo aŭ problemo por ne renkonti ĝin.
8. Mal-fino
10. Nigra likvaĵo, kiun oni pumpas el la tero por funkciigi veturilojn kaj fabrikojn. (R)
11. "La poton! Donu ........... al mi!"
12. Manĝigi. Doni manĝon al iu aŭ io.
14. Kunestas en grupo.
15. La ago, kiun oni faras sur seĝo. (R)

**Vertikale**

1. Kiel oni eliras el restoracio post bona manĝo.
2. Bankan pagilon.
3. Progresas, pluiras (ekz. projekto aŭ situacio aŭ homa rilato).
4. La sekvaj formoj estas tio:
   ♣ ♦ ♥ ♠ ⌘ ☺ □ ✉ 🕮 🕛
   ...sed la sekvaj ne estas:
   © ↘ ⌧ ✍ ➲ 🖃 & 🕒
   (R)
5. Vidis scenojn dum oni dormis.
7. Tio, kio loĝas en via cerbo. (R)
9. Frakcio, parto (R)
13. Necesa por trajno, aŭto, biciklo, ktp. (R).

(R) *Uzu nur la radikon aŭ afikson, sen finaĵo.*

*Legantoj ĝis 16-jaraj: Sendu viajn solvojn al ni ĝis la 31a de majo. Ni lotumos premiojn!*

## Televida programo

17.00 Novaĵoj kaj veter-prognozo
17.10 ***Fenestro***
Programo pri lokaj problemoj. Hodiaŭ: ĉu ni renvoigu la tram-relojn en la urbo?
18.00 ***Mazi en Gondolando*** (parto 4)
Esperanto-kurso
18.10 ***Ni babilas pri Mazi!***
Klasŝanĝaj aktivecoj – grupo de 10-jaraj infanoj lernas la internacian lingvon laŭ ***Mazi***, sub gvido de Andrzej Pettyn.
18.35 ***Mono-mondo***
Nia eknomika bulteno. Hodiaŭ: Kion ni faru pri inflacio?
18.50 ***Program-anonco kaj reklamoj***
19.00 ***Vesperaj novaĵoj***
19.30 ***Dallas** (epizodo 329)*
Amo, komerco kaj ruzaj manovroj inter oleo-milionuloj en Teksaso.
20.20 ***Ĉio aŭ nenio***
Nia populara kviz-programo kun tri konkursantoj kaj bonaj premioj.
20.50 ***Mefisto***
Renoma hungara filmo pri la rolo kaj dilemoj de artistoj dum la dua mond-milito.
23.00 ***Tago-fermaj novaĵoj kaj veter-prognozo por morgaŭ.***
23.10 Morgaŭa programo kaj fino

1. Kiam komenciĝas la vespera programo de la televido?
2. Kiu programo komenciĝas je la dek naŭa horo tridek?
3. Kio finiĝas je la sepa horo?
4. Kiam komenciĝas la filmo?
5. Kiam finiĝas ***Mono-mondo***?
6. Kiuj homoj videblos je 18.20?
7. Se vi interesiĝas pri urba transporto, kiun programon vi certe volos rigardi?
8. Kiam ĝi komenciĝas? Finiĝas?
9. Se vin interesas ekonomiko, kiun programon vi rigardos?
10. Kiam ĝi komenciĝos? Kaj kiam ĝi finiĝos? Kiom daŭras?
11. Kiam komenciĝas la kurso pri Esperanto? Kiomlonge daŭras?
12. Se vi ekskursos en la posta tago kaj devas scii pri la vetero, kiam vi rigardu la televidon?
13. Se vi jam ĝoje rigardis 328 epizodojn de ***Dallas***, kiam vi komencos rigardi la televidon?
14. Se via najbaro estos unu el tri konkursantoj en la televida kvizo, kiam vi komencos rigardi la televidon?
15. Kiam finiĝas la kvizo, kiu programo komenciĝas? Kiam finiĝas ***Dallas***...
16. Pri kio temas la programo ***Fenestro***? Ĉu tiu temo interesas vin?
17. Ĉu vi ŝatas rigardi kvizojn? Ĉu vi ofte sukcesas respondi la demandojn?
18. Kiujn el la programoj vi nepre volos rigardi? Kiujn vi ne volos rigardi?
19. Kiu programo daŭras plej longe? Kiu plej mallonge? Kiu 30 minutojn?
20. Kiu programo devenas el Britio? Kiu el Usono? Kiu el Hungario?
21. Se vi komencas rigardi je 17.30, kion vi vidas? Kaj se vi ek-rigardas je 18.30? 19.30? 20.30? 21.30? 22.30? 23.30?
22. Se vi abomenas (mal-ŝategas) usonajn feliotonojn (televidajn seriojn), kiam vi ĉesos rigardi la televidon kaj elŝaltos la aparaton? Se vi ne toleras filmojn pri militoj, kiam vi elŝaltos ĝin?
23. Se vi volas scii nur la veteron kaj programon por morgaŭ, kiam vi komencos rigardi? Kiam finiĝas la televida programo?
24. Planu la perfektan vesperan televidan programon! Sendu ĝin al ni!

La komenco de **Deziras korespondi** aperos sur paĝo 25, sed tie ne estas spaco por la fino. Ĝi aperas ĉi-paĝe. Tio signifas, ke la komenco aperas post la fino, kaj vi devos salti de la fino de la komenco (sube de p. 25) al la komenco de la fino (apude). Memoru tion, kiam vi atingos paĝon 25, ĉar tie ne restas spaco memorigi vin!

## Ne forgesu niajn temojn '95!

**95/2:** manĝi kaj trinki... kion?
**95/3:** instrui kaj lerni... kion? kiel?
**95/4:** ŝanĝi kaj bonigi... kion? kiel?

Kontribuoj bonvenas! Lernantoj sendu verkojn. Instruistoj sendu skemojn de sukcese provitaj aktivaĵoj. Se viaj verkoj estos en simpla lingvaĵo, ĉiu ĝojos!

## Konkursaj rezultoj:

La vagon-ranĝa problemo en numero 94/3 estis sufiĉe malfacila. Ni ricevis nur tri solvojn, sed ĉiuj estis pli bonaj ol nia. Ĉiuj tri solvis la problemon per 11 ekiroj kaj 6 trakŝanĝoj. Ĉiuj respondintoj estas francoj. Premioj por fervojisto Laurent Vignaud, (Les Ponts-de-Ce), Présence Bouvier (St. Sylvestre), kiu solvis ĝin kun paĉja helpo kaj Sonja Bobillier (Charquemont.). Solvis la krucenigmon el tiu numero kaj ricevos premion Sattar Sorkhi (Tehrano), Irano kaj la E-grupo el Novi Becej, Jugoslavio.

## Kontaktilo de E-klasoj

Al la enketilo en n-ro 94/3 alvenis nemultaj respondoj, do la rezulto aperos en 95/2. Se instruisto volas pli frue ricevi la liston por ek-korespondi, petu de ni foto-kopion. Aldonu irpk. se eble.

### Irano

✉ Nova esperantistino (20-jara) korespondus kun geamikoj el Eŭropo kaj Usono pri ĉ. t. Respondo garantiata. F-ino Azita Ghazi, No.22. Jennat Lane, Saiidieh Str., IR-65168 Hamedan.

✉ Nova esperantistino (19-jara) korespondus kun geamikoj el Eŭropo kaj Usono pri ĉ. t. Respondo garantiata. F-ino Leila Shakeri, No.21. Hedayati Lane, Seyedmostafa Str., IR-69167 Borujerd.

✉ Komencanto, universitata studento (24-jara) korespondus tm. pri ĉ. t. Respondo garantiata. Behruz Khojasteh, No. 29. Golesorkh Lane, Padafand Str., Takhti Square, IR-69157 Borujerd.

✉ Komencanto, universitata studento (23-jara) korespondus tutmonde pri ĉ. t. Respondo garantiata. Afshin Rasulian, No.14. Homayun Lane, Sh. Rajayi Str., Bahar Square, IR-69156 Borujerd.

### Makedonio

✉ 15-jara junulino dez kor. tutmonde pri sportoj, muziko, lingvoj, kol. pm. kaj pk. Respondo al ĉiuj. Aneta Anastasova, "Leninova" 72/2-16, 91000 Skopje.

### Tanzanio

✉ Ĉi-sube estas nomoj de esperantistoj el Tanzanio. Ili deziras korespondi tutmonde. Skribu al la adreso: Shimiyu Esperanto-Klubo, P.O. Box 94. Magu-Mwanza, Tanzanio.
✉ S-ino Anisia John, 21-jara kuracistino (pri moderna muziko, legado) Mashimba Mabelele, 14-jara knabo (pri ĉ.t., legado, sporto, kol. bk.) ✉ S-ro James Hezeron, 32-jara (pri ĉ.t. interesiĝas pri konstruado kaj legado) ✉ Reĝina James, 12-jara knabino (pri kantado kaj sporto, kol. bk.) ✉ Mabelele B. Mabelele, 16-jara knabo (pri sporto, kol. poŝtmarkojn kaj glumarkojn)

### Usono

✉ Tutmonde dez. kor. 21-jara junulo. Adreso: Craig Lee Chrisco, 1,283 Saint Francis Drive, Petaluma, CA 94954-5331. Tel.: 1 (707) 763-7823

# La plej malgranda tabula ludo en la mondo!

*Ideala por*
- homoj kun tre malgrandaj tabloj
- vojaĝantoj en la turista klaso de aviadilo
- personoj, kiuj ne kapablas kalkuli ĝis pli ol du.

*Vi bezonas*
- du-flankan ĵet-kubon (Nepre ne pli!)
- markilon por ĉiu ludanto (Senlima nombro!)
- multan, multan, multegan, eĉ senfinan paciencon!

*Eduke valora*
- Tri frazojn vi perfekte fin-lernos!




## *Horoj, horoj, horoj kaj eĉ pli da horoj da amuzo!*

## Subtraha enigmo

La sekva enigmo komenciĝas per sep-litera vorto kun ligo al nia temo. Por trovi ĉiun postan vorton, vi devas forpreni unu literon, kaj reordigi la aliajn. Sendu la rezulton ĝis 31a de majo, ni donos premiojn!





eko
deziro scii (pri iu aŭ io)
kapro-blekon
per interpunkcia signo
sarkasma insult'
duoble kvar
substantiva fino

# Vort-komencoj kaj finoj

Vortoj en Esperanto havas finaĵojn: **-o** por substantivoj, **-a** por adjektivoj, **-e** por adverboj kaj **-as**, **-is**, **-os**, **-us**, **-u**, aŭ **-i** por verboj. Tio ege simpligas Esperanton. Ĉiam vi scias la funkcion de la vorto en la frazo.

Ni havas ankaŭ elementojn, kiuj aldoniĝas komence de vortoj. Ili nomiĝas **prefiskoj**. Ili ŝanĝas aŭ precizigas la signifon de la vorto al kiu oni metas ilin. Similaj elementoj estas aldoneblaj fine de vortoj, post la radiko (ĉefa vort-parto) sed antaŭ la finaĵo. Ili estas la sufiksoj.

*Prefiksoj:* **mal-sukcesa, ge-sinjoroj, bo-fratoj, fi-krimulo.**
*Sufiksoj:* **sandviĉego, ĉevalaro, instruisto, dometo, skribilo.**

Sube ni prezentas du grupojn de vortoj. Unu grupo estas nigra, la alia viola. Vi povos trovi parojn (unu el ĉiu grupo) kiuj havas samajn komenc-literojn aŭ la samajn literojn antaŭ la finaĵo. Sed atentu! En unu vorto, tiuj komunaj literoj estas afikso (prefisko aŭ afikso) kaj en la alia ili ne estas afikso, sed parto de la radiko (la ĉefa vorto-parto). Trovu la parojn, kaj diru en kiu ili estas afikso, kaj en kiu ne estas afikso!

| | | | |
|---|---|---|---|
| **parado** | **peco** | **ŝilingo** | **revado** |
| **gepardo** | **botelo** | **finiĝo** | **donenda** |
| **malorda** | **eklogi** | **domego** | **galanta** |
| **kolego** | **ekstera** | **buleto** | **ekologia** |
| **vitrino** | **prestiĝo** | **pureco** | **pakisto** |
| **nobla** | **ovingo** | **ludeje** | **intrigo** |
| **tasero** | **eŭrope** | **bopatro** | **metebla** |
| **strobilo** | **regado** | **gefiloj** | **malica** |
| **bileto** | **flaro** | **praavo** | **kombilo** |
| **starigo** | **urbano** | **patrino** | **telero** |
| **pravo** | **listo** | **kvarope** | **arbaro** |
| **mebla** | **forsenda** | **eksestra** | **infano** |
| **pleje** | **kuranta** | **starado** | **triobla** |



Kio estas vegetarano? Ano de vegetaroj. Kio estas vegetaro? Aro de vegetoj. Kio estas vegeto? Eta vego. Kio estas vego? Granda V!

# Ses komencoj kaj ses finoj

Ni prezentas ses rakonto-komencojn kaj ses rakonto-finojn. Legu la dek du tekstojn. Decidu, kiuj estas la komencoj, kaj kiuj estas la finoj. Ligu la komencojn kun la finoj. Decidu, kiuj estas la ses rakonto-specoj. Elektu el: **fabelo, fablo, spiona aventuro, spac-fikcio, detektiva rakonto** kaj **ŝerco**. Formu ses grupojn en via klaso kaj ĉiu prenu unu el la rakontoj. Verku la mezan parton. Poste ĉiu grupo prezentu aŭ aktoru la tutan rakonton al la klaso!

❶

La policistoj tuj rekonis la voĉon de la mond-fama detektivo, kaj tralasis ŝin. "La evento okazis tie. Ni malkovris ĝin antaŭ duona horo kaj zorge tuŝis nenion." "Laŭdinde, serĝento," diris f-ino Marpelz, "Lasu al mi fari proprajn esplorojn."

❷

La feliĉa paro salutis la centojn da gastoj, kiuj venis el ĉiuj anguloj de la reĝ-lando, por partopreni en la ĝeedziĝa ceremonio, festo kaj balo.

Ili saltis lerte sur la blankan ĉevalon de la galanta princo kaj forrajdis direkte al la rozruĝa sun-subiro.

Ili vivis feliĉe ĉiam poste.

❸

"Mi timas, ke apenaŭ ili kredos, kion ni rakontos al ili." diris Kueznaĥ.

"Same mi dubas," respondis Tomaso: "Tamen, ni devos konvinki ilin. Post du tagoj ni jam povos sendi radian mesaĝon al Nov-Jorko."

"Niaj spertoj dum la vojaĝo klare montras, ke ni povas kunvivi harmonie"

" Certe" konsentis Tomaso: "Ne gravas kiom grandaj la diferencoj inter ni."

Kueznaĥ klinis unu el siaj kapoj, kaj per ĝia kvara verd-flava okulo, indikis konsenton.

❹

Ŝi zorge kaj malrapide rigardis la rondon da homoj en la malluma ĉambro.

"Kelkaj el vi havis motivon aŭ kialon. Kelkaj el vi havis la okazon. Pluraj el vi havis aliron al la rimedo. Sed post longa pensado, mi povis konkludi, ke nur unu el vi havis ĉiujn tri. ... Kaj tio estis ... *estis* ... *estis*..."

"Mi konfesas, mi konfesas! Via logiko estis tro forta por mi! Stulte mi kredis, ke mi povis trompi vin. Vane, mi kaŝis mian agon. Jes, mi faris la krimon, mi konfesas! Forportu min al mia justa puno. Ho, ve! Ve! Ve! Ve!"

Dum ili arestis la konfesinton kaj ek-gratulis ŝin, f-ino Marpelz pensis al si mem: "Jen bonŝanca rezulto! Mia logika pensado volis kulpigi tute alian personon!"

❺

Sed la gruo per sia longa pinta beko apenaŭ povis ion ajn manĝi de la plata telero, kaj foriris malsata. Ĝi komprenis, ke la vulpo prenis sian venĝon. Ĝi komprenis pli bone la rolon de bona gastiganto, kaj decidis uzi sian altan mallarĝan vazon estonte nur por konservi florojn.

❻

Unu tagon, gruo kaj vulpo renkontiĝis. "Venu viziti min morgaŭ kaj estu mia gasto" diris la gruo afable.

❼

"La mondo estos nia! Mi eskapos, kaj trudos nian lingvon al ĉiu sur la mondo!" kriis la aĉa doktoro el la reto, kiu firme tenis lin sub la damaĝita helikoptero.

"Ankoraŭ unu misio brile kaj sukcese plenumita!" diris la kamelo.

La spiono kapjesis, kaj aldonis: "Unue, al la malliberejo, due, reen al Montekarlo! Venu kun mi! Verŝajne milionon da dolaroj mi gajnis intertempe!"



❽

La komandanto sidiĝis rekte kaj kontrolis, ke la aliaj spacistoj estis pretaj por la lanĉo. Li sentis mikson de timo kaj ekscito. Ĉu la lanĉo funkcios? Ĉu la misio sukcesos? Ĉu vere ili trovos inteligentajn vivo-formojn tie, de kie venis la radio-signaloj? Se jes, kiaj estos la estaĵoj? Amikaj aŭ malamikaj? Liajn pensojn interrompis la tondra sono de la ĉef-raketoj, kaj li pretigis sin por la forta puŝo de la lanĉo.



9

La oficiro diris: "Estas kontraŭleĝe doni falsan adreson al policisto! Ĉiu devas havi adreson. Diru, de kie vi venis?"

"Hoooo!" respondis la viro: "...de la balkono!"

10

"Ĉu vi vokis min, Mo?" demandis la eleganta sinjoro.

"Jes, mi havas por vi novan mision." respondis la dika ĉefo, "Mi esperas, ke mi ne fortiris vin de io grava.

"Ho, ne. Mi estis en la kasino de Montekarlo. Mi ĵus vetis la kamelon kontraŭ milionon da dolaroj. Sed per helikoptero kaj paraŝuto mi sukcesis rapide veni. Bonvolu helpi min forŝovi la silkan ŝtofon en la angulon."

Kiam la paraŝuto estis for kaj ambaŭ sidiĝis, Mo plue parolis: "Nulo-nulo-kvin, ĉu vi iam aŭdis pri la mistera lingvo Niu-spik, la tropika insulo Niuspikio..."

"Niuspi... kio?"

"kaj la hiper-aĉulo doktoro Nius-pik? ...

11

Foje okazis, foje ne okazis, en lando fora en spaco kaj tempo, ke vivis reĝo kaj reĝino en palaco supre de monto. Ili havis unu filinon, tiom belan, ke blankaj kolombetoj ĉiuvespere venis al ŝia fenestro pepi kaj admiri ŝin. Post kelkaj jaroj, ŝi iĝos princino, kaj pli poste eĉ reĝino. Tamen, la reĝo kaj reĝino ne estas ĝojaj. Ili havas unu grandan problemon.

12

La familio paŝis al la teatro. Estis Paĉjo, Panjo kaj tri infanoj. La plej eta kuris al Panjo kaj tiris ŝian jupon: "Panjo, panjo, kie ni sidos en la teatro?"



# RANO ĈE L' PUTO-FUNDO

(El fablo de antikva Ĉinio,
multe adaptita, pri profunda
puto kaj senfina ĉielo)

En profunda puto vivas rano.
Tre fiera estas la putano.
Maljunaĝa li ermito estas,
ĉe l' malhela fund' dumvive restas.

"Mi la tutan mondon bone konas,
kaj libere ĉion mi disponas.
Dolĉan akvon putan trinkas ĝue,
kaj mi lerte naĝas gaje, brue.

La ĉiel' - peceto blua, ronda,
certe estas la tegmento monda.
Glata ŝtono estas mia seĝo.
Mi komforte vivas kiel reĝo!"

Nun proksimen flugas kolombeto,
allogite de la put-faŭketo.
Scivoleme ŝi nun enrigardas
en la puton, kie l' rano gardas.

"Hej! De kie venis vi, aĉulo?!",
kvake tondris li al la flugulo.
"Mi el vasta la ĉielo venis,
sed – pardonon – vin nescie ĝenis."

La estaĵo puta, ne kredeme,
la kolombon fiks-rigardas preme.
"Vi, trompanto!" Li tutvoĉe krias,
"Ĉion tion pri l' ĉiel' mi scias!

Malgrandega kiel faŭko puta,
tiu umo pendas supre, muta.
Riĉa estas mia vivosperto,
kaj unika – mia naĝo-lerto..."

"Ha ha!" ekridegas ŝi senbride,
"Malsaĝulon konas vid-al-vide!
Vi ne fanfaronu plu fiere.
Ĉiutage ludas mi ĉiele.

Al pli alta loko flugi provas,
sed atingi l' finon mi ne povas.
Mia mondo – vasta kaj kun belo;
via 'mondo' estas nur polvero."
For la birdo flugas, amuzita;
dum la ran' pensadas, konfuzita.

Fierecon tian ni evitu,
vastan la ĉielon nun ekvidu.
Ni, junuloj celu sci-abundon,
ne fariĝu ran' en puto-fundo!



*Ĝjen Uejĝjen,*

*19-jara studento, Ĉinio*
(adreso: v. pĝ. 25)

*VORT-KLARIGOJ*

ermito: solulo
fundo: malsupro
disponi ion: havi ion por uzi
faŭko: besta buŝo
kvaki: bleki kiel rano
trompi: mis-gvidi
umo: malcerta, nekonata afero
muta: sensona
fanfaroni: laŭdi sin mem
abundo: multo

# Kiel mi finu la ... frazon?

*(Ino rigardas televidon legante ĵurnalon. Ni aŭdas sonoron ĉe la pordo. Ŝi demetas la ĵurnalon, leviĝas kaj ŝi iras respondi. Tie staras viro.)*

**Viro:** Saluton, sinjorino!
**Ino:** Saluton! Ha certe, vi venis pro la...
**Viro:** Finado de frazoj, jes...
**Ino:** Se vi bonvolos...
**Viro:** ...enveni, jes certe! Dankon! Ho, kiom belan loĝejon vi havas!
**Ino:** Jes, ni tre...
**Viro:** Ŝatas ĝin!
**Ino:** Jes, efektive!
**Viro:** Nun, kiam vi komencis sperti mal...
**Ino:** ...facilaĵojn fini la ...
**Viro:** ...frazojn?
**Ino:** Vere, ne estas mia problemo, sed de mia...
**Viro:** ...edzo?
**Ino:** Precize! Li neniam permesas al mi fini...
**Viro:** .. frazon! Devas esti terure!
**Ino:** ...Jes, efektive! Mi komencas timi...
**Viro:** ...ke vi neniam en via tuta vivo eĉ unufoje sukcesos fini frazon!
**Ino:** Precize! Mi kredas, ke tio puŝos min finfine ...
**Viro:** ...al ...al ...drinkado?
**Ino:** Ne, al la fre...
**Viro:** ...ne...
**Ino:** ...zu...
**Viro:** ...lejo!
**Ino:** Jes.




**Viro:** Do, ĉu ni provu kuraci vin? Ĉu mi rajtas si... si...
**Ino:** ...diĝi? Kompreneble. *(ili eksidas. La viro serioze klarigas.)*
**Viro:** Nia metodo funkcias tiel, ke ni metu la pacienton en tiun pozicion, ke ŝi sentu sin trankvila kaj for de eksteraj premoj, ke ŝi ne plu estu nervoza aŭ sub streĉo — ni provas krei tute normalajn cir... cir...
**Ino:** ...konstancojn!
**Viro:** Ĝuste. Kaj tiel, antaŭ ol ŝi eĉ rimarkos, ŝi konstatos, ke ŝi komencas akiri la kapablon fini la frazojn de aliuloj...
**Ino:** *(plena je miro)*...<u>tute de si mem!!!!</u>

**Viro:** Plentrafe. Precize vi diris, sinjorino ...hmm., sinjorino...
**Ino:** . *(triumfe)* ..Frazotim.
**Viro:** Jes, s-ino Frazotim. Mi konsilas, ke vi limigu vin al unu-du vortaj kompletigoj komence, alie vi povos trovi...
**Ino:** ...ke mi alprenas tro aŭdacan frazon kaj, provante sukcesi ĉe tro ambicia tasko, la rezulto portus tro altan riskon esti tute...
**Viro:** ...fuŝa!
**Ino:** Ĝuste! Do, mi modeste pluiros, sed kun certa sukceso. Mi do tre dankas vin, sinjoro...sinjoro...
**Viro:** ...Fidokred...
**Ino:** ...kaj ne hezitu revoki min se vi spertas pliajn malfacilaĵojn.
**Viro:** Mi certe faros tion. Korajn... Koregajn...
**Ino:** ...dankojn? Tute ne! Nedankinde. Parto de la servo. *(Ŝi leviĝas)*
**Viro:** Do, mi akompanos vin al la... la...
**Ino:** ...pordo? Ne necesas. Mi trovos mem la elir-vojon.
**Viro:** Ho, tute ne, mi vin nepre...
**Ino:** ... akompanos? Nu, bone se vi insistas. *(ili iras al la pordo)*
**Viro:** Do, refoje, mi esprimas mian kore sentatan...
**Ino:** Dankemon?
**Viro:** Dankemon, kaj mi diras ĝis rev..
**Ino:** ido! *(Virino foriras, viro reiras kontente al la televido, sidiĝas, prenas la ĵurnalon kaj eklegas ĝin.)*

**VORT-KLARI...**

**kuraci: resanigi**
**paciento: malsanulo**
**premo: malagrabla puŝo**
**nervoza: mense maltrankvila**
**cirkonstancoj: situacio, kondiĉoj**
**plentrafe: tute ĝuste**
**konsili: sugesti, proponi**
**aŭdaca: timiga, tro ambicia**
**fuŝa: mis-farita**
**akompani lun: iri kun lu**

**...GOJ**

**Jen fama diraĵo:**
**"Mi ne povas promesi al vi, ke jam alvenas la fino. Eĉ ne venis la komenco de la fino. Sed eble ni ĵus atingis ... la finon de la komenco."**

**Kiu diris tion? Kiam? Al kiuj? Per kio? Kie? Pri kiu grava evento li parolis? Kial li diris ĝuste tion?**

*Respondo en nia venonta numero.*

Komenco bona, ĉio bon


# NOVI BEĈEJ
# LA URBO APUD RIVERO



Ĝi estas maljuna urbo kiu jam festis la 900-an naskiĝtagon. Vi trovas ĝin sur la mapo 100 kilometrojn de la hungara limo. Mi ŝatas mian urbon. Antaŭ la embargo vizitis ĝin multaj ĉasistoj el Italio kaj Aŭstrio, krome diversaj sportistoj, inter ili ankaŭ ŝakistoj. Nia bela rivero Tisa (Tibisko) fluas ĵus preter la centro de la urbo. En la nunaj malbonaj tempoj estas agrable somerumi sur ĝia bordo. Multaj boatoj luliĝas sur la akvo de nia rivero. Antaŭe ni observadis belajn ŝipojn — bedaŭrinde oni malpermesis la internacian navigadon.

La hotelo, sporthalo, kulturdomo kaj hospitalo estas novaj. La longa apudrivera kajo estas konata en la tuta ĉirkaŭaĵo. Tage maljunaj homoj ŝatas promenadi ĉi tie, kaj vespere gejunuloj sidas sur benkoj babilante, kantante. Ofte mi promenas preter la rivero matene en freŝa aero.

En la centro de la urbo vi rimarkas grandan, malnovan konstruaĵon — ĝi estas nia elementa lernejo. Mi vizitas ĝin ĉiutage jam de sep jaroj kune kun miaj serbaj kaj hungaraj geamikoj. Mi esperas ke iu el vi foje vizitos nian ĉarman urbon apud la rivero Tisa.

**embargo:** malpermeso iri aŭ komerci.
**luliĝi:** flosi, kvazaŭ bebo en brakoj de panjo.
**ĉirkaŭaĵo:** apuda regiono

Gurjanov Milan,
lernanto de VII-a klaso
ul. Pave Sudarski 6.
23272 Novi Beĉej, Jugoslavio

# Pseŭdonimoj por ĉiuj

Tre popularа ludo de esperantistoj estas la kaŝado de identeco per uzo de pseŭdonimoj, nomataj ankaŭ plumnomoj kaj kaŝnomoj. D-ro Zamenhof estis la unua esperantisto, kiu elpensis pseŭdonimojn kaj uzis ilin en siaj fruaj verkoj. Ĉiuj scias, ke la nomo mem de la lingvo, kiun li iniciatis, devenas de la plumnomo "d-ro Esperanto", t.e. la doktoro, kiu esperas. Dum la pli ol centjara historio de la Esperanto-movado, centoj da esperantistoj sekvis lian ekzemplon kaj kreis duan personecon por si, per enigma nomo. Fakte, al kelkaj movaduloj unu pseŭdonimo ne sufiĉis, do ili ŝanĝis siajn nomojn same facile kaj ofte kiel oni ŝanĝas sian ĉemizon aŭ bluzon. Tion faris ekzemple, Petro Stojan, kies verkoj aperis sub pli ol deko da kaŝnomoj.

Tiu ludado, se ne malkovrita, estas vera obstaklo por spurado de fidindaj bibliografiaj informoj, ĉar verkoj estas atribuitaj al fikciaj uloj. Oni nun scias, ke la homo, kiu dum pluraj jardekoj mistifikis per la plumnomo *Peter Peneter*, estis Kalman Kalocsay, kaj lia kolego Gaston Waringhien longe kaŝis sin sub la nomo *G. Maura*. En 1979 estis publikigita Biblioteka Manlibro, kompilita de Herbert Marz, kiu listigas preskaŭ 500 pseŭdonimojn kun la veraj nomoj.

Ankaŭ vi povas ludi same kiel tiuj famaj esperantistoj, akirante pseŭdonimon por uzo en kontribuaĵoj al Esperantaj periodaĵoj. La sekvaj alineoj klarigos, kiel la plej oftaj tipoj de pseŭdonimoj estas formitaj.

**A. Anagramo.** La plej facila maniero kaŝi vian nomon estas per simpla rearanĝo de la vicordo de ĝiaj literoj. Unu maniero estas skribi la veran nomon inverse, kondiĉe ke ĝi estas prononcebla. Tiel kaŝis sin malantaŭ L. REREIPS la hungara esperantisto Laszlo Spierer. Zamenhof alvicigis la literojn de sia familia nomo por akiri la pseŭdonimon HAMZEFON, kiu laŭ la ruslingva ortografio estas skribita GAMZEFON pro manko de la sono "h". Plurajn jarojn poste la nomo ARIEH BEN GUNI aperis sur la paĝoj de *La Nica Literatura Revuo*. Pli da cerbumado estas bezonata por trovi la familian nomon de Gaston Waringhien, ĉar li anstataŭigis la literon "W" per "B" kaj aldonis la literojn "u" kaj ankoraŭ unu "e", por ke la pseŭdonimo estu pli facile prononcebla.

Nun provu deĉifri jenan pseŭdonimon, kiun mi elpensis, por esperantisto bone konata al legantoj de tiu ĉi revuo: STELLA C. MAGNIF. Rimarku, ke la plej bonaj anagrame formitaj pseŭdonimoj estas tiuj, kiuj post rearanĝo de la literoj, havas la formon de reala persona nomo. STELLA estas virina individua nomo, kiu en la latina kaj itala lingvoj signifas "stelo", kaj la familia nomo MAGNIF troviĝas en la itala kompleta vorto *magnifico* (superbela, belega). Nu, kiu estas la itala belulino kaj movada aktivulo STELLA C. MAGNIF? La solvo de tiu ĉi enigmo kaj ankaŭ aliaj ĉi-sube, troviĝas ĉe la fino de la artikolo.

**B. Traduko.** La dua plej ofta maniero krei pseŭdonimojn estas per tradukado de la individua kaj familiaj nomoj. La tubero en la afero estas, ke deĉifrado postulas devenon de la detraduka lingvo, ĉar plej ofte oni ne scias, de

kie venas la pseŭdonimulo. GLACIMONTO prezentas kaprompan problemon, kies solvo komenciĝas per serĉado en naci-lingvaj vortaroj de ekvivalentoj de la esperanta vorto "glacimonto". Jen parta rikolto: Angle, France, Hispane: *iceberg*; Germane: *Eisberg*; Ruse: *aisberg*. Kiu bone konas la historion de la Esperanto-movado, konstatos, ke la rusa vorto *aisberg* estas identa kun la familia nomo de Eugene Aisberg, kiu naskiĝis en Odeso, Ruslando, en 1905 kaj poste transloĝiĝis al Parizo, kie li profesie okupiĝis pri radio kaj televido. Mi formis po unu pseŭdonimon por du membroj de la komitato de TEJO (1992) per simpla traduko de iliaj nomoj en Esperanton: PETRO GRANDA kaj PERLA SILKO. Kiuj ili estas?

**C. Akronimo.** Tiu ĉi speco de kaŝnomo estas relative malfacile deĉifrebla, ĉar ĝi estas formita per la unuaj silaboj aŭ literoj de la vera nomo. FEZ kaj LOZO estas la plumnomoj de du fratoj de d-ro Zamenhof, Felix Zamenhof kaj Leon Zamenhof. E. ĈEFEĈ akiris famon en Esperantujo, ĉar li publikigis la ŝlosilojn de Esperanto. Li estis Herbert F. Hoveler, kiu formis sian pseŭdonimon surbaze la anglalingva prononco de la tri inicialoj H.F.H. FERSIL estas nomo farita per kunmeto de la unuaj silaboj en la nomo de Ferenc Szilagyi. Uzante tiun ĉi principon, mi elcerbigis kelkajn pseŭdonimojn, kiujn povas uzi konataj esperantistoj.

Per ŝanĝo de la vicordo de silaboj en la nomoj, estas eble akiri variaĵojn.

a. SOŜO, SPOŜTI, ŜTISPO — b. APO, ANDPET, PETAND
c. OSBU, BUOS, OSLER — ĉ. BEGO, BOGO, BERGO

Fine, provu eksperimenti per la tri metodoj por trovi la plej taŭgan pseŭdonimon por vi mem.

***SOLVOJ***

STELLA C. MAGNIF - Stefan MacGill, la redaktoro de *Juna Amiko*.
PETRO GRANDA - Peter Nagy; PERLA SILKO - Gyöngyi Selyem. Oni atingas tiun ĉi solvon, tradukante la pseŭdonimojn en la hungaran lingvon.

a). SOŜO, SPOŜTI, ŜTISPO - Spomenka Ŝtimec, siatempa estrarano de UEA.
b). APO, ANDPET, PETAND - Andrzej Pettyn, paroladisto de Radio Polonia.
c). OSBU, BUOS, OSLER - Osmo Buller, direktoro de la Centra Oficejo de UEA.

ĉ.) Bernard GOLDEN, Damjanich u. 1/c. I.8.
HU-8200 Veszprem, Hungario.

**GLOR-KOVRITAJ ***

identeco: nomo, rekonilo
iniciati: komenci
enigma: malfacila
obstaklo: baro
spurado: malkovrado, eltrovado
biografiaj detaloj: informoj pri aperintaj libroj
atribuitaj al: ligitaj al
fikcia: nevera
mistifiki: konfuzi
kompili: kunmeti, redakti
alineo: teksto-parto
ortografio: literumado
cerbumado: streĉa pensado
tubero en la afero: plej malfacila punkto
deĉifri: malkovri per multa kaj logika pensado
kaprompa: tre malfacila
rikolto: rezulto
konstati: rimarki, decidi
identa: tute sama
ŝlosiloj de E-o: poŝ-formaj dulingvaj vortaretoj.
inicialo: komenc-litero
silabo: li-ter-gru-po. (tiu vorto havas kvar!)

* Pseŭdonimo de s-ino Vort-klarigo.

## *Deziras korespondi...*

### Brazilo

✉ Carlos Roberto Jacinto, Rua Germano Klann s/n Aguas Claras BR-88350-000 Brusque (SC), 26-jara fraŭlo, instruisto; ŝatas aŭskulti muzikon, interŝanĝi ideojn.

✉ Gláucia de Carvalho Biela, Rua Luís Otávio, 128, BR-13710-000 Tambaú (SP). 17-jara lernantino; ŝatas aŭskulti muzikon, legi kaj naĝi.

✉ Janaína Fulini Alves da Costa, Rua Jonas Alves de Moraes, 132, BR-13710-000 Tambaú (SP). 16-jara lernantino, ŝatas aŭskulti muzikon, spekti televidon kaj legi.

✉ José Rodrigues da Silva Neto, Caixa Postal 505, BR-58001-970 Joao Pessoa (PB). 29-jara edziĝinta sinjoro kun unu filineto, registara oficisto. Ŝatas legi, radi-amatori per kurtaj ondoj, promeni, korespondi.

✉ Maria Betânia S. Mayrinck, Rua Prof. Othon Paraíso, 473, Apt.01/A Torreao, BR-52030-250 Recife (PE). 39-jara fraŭlino, advokatino, ŝatas legi, aŭskulti muzikon, vojaĝi, babili, spekti filmojn.

✉ Sulamitha Bonvicini Veloso, Rua Maestro Victório Barbin, 140, BR-13710-000 Tambaú (SP). 16-jara lernantino, ŝatas sporti, aŭskulti muzikon, legi, promeni.

✉ Angelita Bonvicini Veloso, Rua Maestro Victório Barbin, 140, BR-13710-000 Tambaú (SP). 15-jara lernantino, ŝatas aŭskulti muzikon, promeni, bicikli.

✉ Geraldo Luiz de Freitas, Rua Mal. Deodoro, 193, Centro, BR-76170-000 Anicuns (GO). 36-jara fraŭlo, barbiro. Ŝatas aŭskulti muzikon, spekti televidon, bicikli kaj studi.

✉ Elizângela Gotardi, Rua Lavrinha, 58 Jaraguá, BR-05181-570 Sao Paŭlo (SP). 19-jara fraŭlino, sekretariino. Ŝatas legi, spekti bonajn filmojn ktp.

✉ Alexandra Lúcia Astoni, Rua Rio Grande do Norte, 283, Centro, BR-37701-040, Poços de Caldas (SP). 22-jara fraŭlino, studentino de juro. Ŝatas legi, promeni, vojaĝi, aŭskulti muzikon, danci.

✉ Moacir Paŭla Avelar, Av. Tocantins, 1345, BR-76170-000 Anicuns (GO). 39-jara sinjoro, instruisto kaj komercisto. Ŝatas legi, ŝakludi kaj promeni kampare.

✉ Terezinha Maria de França, Rua 62, no. 471, Parque Continental, BR-07085-010 Guarulhos (SP). 25-jara fraŭlino, ŝatas korespondi.

✉ Teresa Katia Neves, Rua Monsenhor Salazar, 2045 Pio XII., BR-60130-871 Fortaleza (CE). 32-jara fraŭlino, dentistino. Ŝatas muzikon, televidon kaj legi.

✉ Christiano José Jabur, Rua Dom José Lázaro Neves, 226, Centro, BR-19800-000 Assis (SP). 17-jara studento. Ŝatas muzikon, kino-arton, promeni, korespondadi.

✉ Flavia Maria Oliveira de Araujo, Rua Francisco de Almeida, 100, Bairro do Santo André, BR-13870-000 Sao Joao da Boa Vista (SP). 26-jara fraŭlino, oficistino ĉe justico. Ŝatas legi, aŭskulti muzikon, promeni, ludi en teatro.

Se vi alskribos al iu de ĉi tiu listo kaj post certa tempo oni ne respondis, skribu al mi por ke mi kontaktu la personon aŭ alian korespondanton por vi. Mia adreso: S-ro Rui Ramos Moura de Andrade, Tv. das Flores, 385/E4/207 Mangueira, BR-24435-410 Sao Gonçalo (RJ). Tel.: (021) 713-5325

✉ Komencanto, memlernanto dez. kor. kun esperantistinoj el Siberio, Rusio, Ukrainio, Francio, Italio, Svedio kaj Ĉinio. Mi estas 39-jara viro kun interesiĝo pri lingvoj, mikro-komputiloj, literaturo ktp. Claudio Delandre Elias, Rua Joao Antonio Cardoso No. 610. Bairro Ouro Preto, BR-31310-390 Belo Horizonte (MG),

### Ĉinio

✉ 19-jara universitata studanto dez. kor. Ĝjen Uejĝjen; Tongfuzhong Lu, Shibamuheng 4 hao, Guangzhou, Ĉinio. (vidu paĝon 19).

### Francio

✉ Etaj francaj geknaboj (de 3- ĝis 6-jaraĝaj) dez. kor. tutmonde pri tradiciaj ludoj. Ili deziras interŝanĝi tekstojn, desegnojn, fotojn por ekkoni la kutimojn de aliaj infanoj malproksimaj. Skribu al: École Mat. des Quatre Vents, Rue John Kennedy, Cité de Touvent, FR-36000 Chateauroux.

PAGITA ANONCO:

# Himnara diskografio aŭ sonsurskriboj de naciaj himnoj de la landoj de la tuta mondo

Kiom da landhimnoj ekzistis, ekzistas? Ĉu tiom, kiom da landoj? Tute ne: historie en vico da landoj estis pluraj ŝtataj aŭ naciaj himnoj. Aktuale en la Sudafrika Respubliko validas du himnoj, flagoj kaj blazonoj.

Nur tri landhimnojn mi havas sur la sama disko deklamite-kantite-muzikite (Sudafrika Respubliko, Hungarlando kaj Germanlando), plurajn kantite kaj muzikite, plej multajn tamen nur muzikite. La havajan nacian himnon mi havas nur kantite.

Iujn naciajn himnojn mi havas en nenia sona formo: Armenlando, Azerbajĝano, Bosnolando-Hercegovino, Eritreo, Kartvellando, Jugoslavieto, Kazaĥlando, Marŝalaj Insuloj, Makedonlando, Mikronezio, Moldavlando, Marianinsullando, Palaue, Ruslando, Slovaklando, Slovenlando, Taĝiklando, Ĉeĥolando, Turkmenlando, Ukrainlando, Uzbeklando, Blankruslando...

Sonmaterialojn kun himnoj mi havas sur sonbendoj, sonbildkartoj, diskoj, kasedoj, laserdiskoj, moldiskoj, sonkanelaj sonrevunumeroj, videokasedoj, sed serĉus ilin ankaŭ sur fonograf-cilindroj, kinofilmoj, vidodiskoj, se tiuj ekzistus.

Landoj aktuale ekzistas preskaŭ 200 kaj mi havas sonmaterialon el 90, diskojn el 70, el kiuj himnodiskoj el 64. Do ankoraŭ ne de ĉie.

Apud la sonkanelaj bildkartoj kaj diskoj, plej praktikaj estas laserdiskoj. Himnojn plej diversajn mi havas sur 34 kaj landhimnojn sur 7 laserdiskoj.

Ĉiu, kiu povas kompletigi mian himnotekon de kie ajn, ĉefe per fabrikaj soneldonoj, bonvolu detaligi oferteblaĵojn kun siaj kondiĉoj al Georgo Csüllög, Mikszáth Kálmán 34, HU-5530 Vésztő, Hungario.

La supra teksto estas pagita anonco. Ĝi entenas serion da landnomoj. Ili aperas en la formo dezirata de la anoncanto. Tiu donis la elekton aperigi la du- aŭ tri-literajn ISO-mallongigojn por la landoj, aŭ propran kvar- ĝis ses-literan kodaron, aŭ la propre deciditajn plenajn formojn. Volonte mi diskonigus la du-literajn ISO-normojn, ĉar ili estas tiom nekonataj, ke eĉ la oficialaj poŝtaj instancoj ankoraŭ ne ekuzas ilin! Sed ajn-literajn kodojn oni ĝenerale ne komprenus en ĉi tiu mondo de fluida geografio. Ja ni uzas la tri-literajn ISO-normojn por la naciaj monvalutoj, kiuj efektive iĝis vaste konataj internaciaj normoj. Sed pri la akademiaj aŭ vaste uzataj formoj de landnomoj la reklamanto proklamis: *Nur ne trudu la okcidentomanian akademian nekonsekvencan s**** proponon...* Kion ni faru? Ĉu ni rifuzu la reklam-enspezojn, kiujn ni bezonas por travivi? Ĉu ni defendu la rajton de libera esprimiĝo? Ĉu ni respektu la normigojn de la akademio por protekti la unuecon de la lingvo? Respondojn sur poŝtkarto ĝis la 1-a de aprilo 1995. El inter la ĝustaj respondintoj ni lotumos premiojn.

Finfine, konkurso de *Juna amiko*, nur por plenkreskuloj!

# MUZZY esperante: MAZI

En la komenco ni donu la ĉefan novaĵon pri la Mazi-projekto. Ĝis la fino de 1994 alvenis sufiĉaj antaŭ-mendoj por sekurigi la projekton. Oni bezonis minimumon de 800 mendoj, venis pli ol 1100. Do, pri la vid-bendo estas granda interesiĝo.

La tradukado de la benda scenaro estas finita, kaj ĝia adapto al la postuloj de la sinkronigo (samtempigo de la voĉoj de la aktoroj kun la buŝ-movoj de la desegnitaj figuroj) estas komencita. La gramatika analizo kaj pretigo de tekstoj kaj ekzercoj por la akompana libro estas ankaŭ komencitaj, sed ne finitaj. En Pollando, oni planas okupi filmstudion kaj fari la voĉ-sinkronigon dum unu semajno en aprilo, se la prepar-laboroj estos finitaj ĝis tiam.

Oni decidis ne pretigi 'lecionon' fine de ĉiu parto, kiel aperis en la prov-bendo, tamen aperos skribitaj tekstoj sur la ekrano en kelkaj lokoj por klarigi la uzon de la aŭditaj frazoj. Krome, kelkloke aperos viva aktoro por doni bonan prononc-modelon. Sed esence, oni lasos al la Mazi-rakonto flui, kaj instruistoj aldonos mem la 'lecionojn'.

Ni finu la prezenton per eta gramatika klarigo, post tio komenciĝos la kanto de nia dua rolulo — fakte la heroo de la rakonto, Karlo.

> Mi finas la tradukon. Ĝi estas finita traduko.
> Mi komencas ion. Ĝi estas komencita.
> Mi skibas tekston. Ĝi estas skribita teksto.
> Mi aŭdis frazon. Ĝi estis aŭdita frazo.

## Karlo la brava

La reĝo, reĝino kaj princino Silvja loĝas en la palaco de Gondolando. Ili havas helpantojn kaj servantojn. La ĉefa helpanto estas Korvaks, la ĉefministro. Li estas saĝa kaj grava. Li havas komputilon. Alia helpanto estas Karlo,.la ĝardenisto. Ĉirkaŭ la palaco estas granda, bela ĝardeno kaj en ĝi laboras Karlo. Ankaŭ li estas saĝa — sed grava li ne estas. Korvaks donas la ordonojn, kaj li obeas.

Kanto apoge al la vidbendo *Mazi en Gondolando*

# Karlo la brava

Sed, sed... Karlo estas tre kuraĝa ... kaj li amas princinon Silvja. Ankaŭ ŝi amas lin. En la vidbendo *Mazi en Gondolando* okazas multaj aventuroj ĝuste pro tio. La rolo de Karlo en la komenco de la filmo estas tute alia ol en la fino. La sekva kanto de Karlo klarigas tion ...




De tre hu - mi - la rang',
Nur ĝar - de - nist' mo - des - ta
Sur gra - vo – list' post – res - ta.
Vigle
En mo - ment' ko - men - ca
Tu - te sen - po - ten - ca Sed
en ra - kon - to – fin' La
ed - zo de l' prin - cin'!

# Nia revuo — de komenco al fino

***Kion ni faras por pretigi unu numeron de nia revuo? Ĉu vi scivolis? Ni rakontos detale ... de komenco ĝis fino. Ni devas fari amason da agoj, kaj agojn ni esprimas per verboj.***

***Vi povos multe pli bone paroli en Esperanto, se vi scias kaj regas multajn verbojn. Sube ni prezentas multajn. Preskaŭ ĉiuj bezonas la ON. Provu uzi ilin!***

***Jen nia revuo en 121 verboj.***



**Ni...**

rigardas kalendaron
rimarkas limdaton
sentas angoron
prenas paperon
purigas skrib-maŝinon
rulas paperon ...en ĝin.
atendas inspiron
batas klavojn
legas tekston
ŝanĝas vortojn
korektas erarojn



**Krome, ni...**

malfermas kovertojn
elprenas enhavon
ricevas verkojn
redaktas la tekstojn
projektas kovrilon
desegnas bildojn
kompilas kruc-enigmojn
prijuĝas konkursojn
lotumas premiojn.
Aktivigas komputilon
entajpas la tekstojn





aldonas desegnaĵojn
elpensas titolojn
enpaĝigas la tuton
enŝaltas printilon
donas ordonon
prov-printas paĝon
atendas rezulton.

**Ĝi...**

ensuĉas paperon
aŭdigas muĝ-bruon
printas la tekston ...kaj...
elsputas paperon.

**Ni...**

prenas la paperon
inspektas ĝin
konstatas fuŝon
vidas nur grekaĵon
ŝiras la hararon
riproĉas la komputilon
malbenas la programojn
perdas viv-apetiton
suspektas viruson
rekontrolas la ordonon
trovas eraron
riparas la mison
ripetas la ordonon
entiras la spiron
murmuras preĝon
fermas la okulojn
aŭdas la printilon
malfermas unu okulon
duon-rigardas la rezulton
krias 'Hura!'
printas (tuj) ĉiujn paĝojn
prov-legas la tuton
korektas erarojn
vizitas presejon.

**Ili...**
fotas la paĝojn
preparas la plakojn
elektas paperon
metas la stakon ... en la presilon.
verŝas inkon ...en la presilon
presas paĝon.
kontrolas la rezulton.
ŝanĝas la parametrojn.
presas paĝon
konstatas sukceson
ordonas dumilojn
lasas la maŝinon
rulas cigaredon
kaj fumas ĝin.

**Poste ili...**
prenas paĝ-stakojn
kompilas gazetojn
krampas ilin
tranĉas la randojn
pretigas fakturon
ŝarĝas kamionon
celas Esperejon
liveras gazetojn

**Ni..**
subskribas kvitancon
dankas la liveristojn
inspektas numeron
pritaksas la presadon.
esprimas ĝojon (aŭ male)
preparas banderolojn.
skribas adresojn (aŭ gluas ilin)
stampas reven-adreson
pakas gazetojn
ligas la pakojn
gluas poŝtmarkojn




**Poste ni...**
arigas malplenajn sakojn
enpakas gazetojn
plenigas la sakojn
portas ilin
atingas poŝt-oficejon
eniras la vicon
atendas la vicon
atendas servon
perdas paciencon
atendas servon
malbenas la poŝton
maltrafas kelkajn trajnojn
aŭskultas malbenojn (de aliaj)
lernas hungarajn esprimojn
atingas la giĉeton
malfermas la sakojn
transdonas la pakojn
kontrolas la adicion
protestas mis-kalkulon
postulas re-kalkulon
pagas la sumon
diras dankon (tamen)

**Iom poste vi...**
ricevas revuon
malfermas ĝin
legas la enahvon.

**Dume ni...**
varbas legantojn
montras la revuon
svingas ĝin alte

**Samtempe ni...**
rigardas la muron
vidas kalendaron
rimarkas limdaton...

SMG

Enlanda prezo: 45 HUF (60 kun livero)




## Kuru ĝis la fino kaj triumfu!

Jen vi kuris ĝis la fino de nia revuo. Parolu pri kuro-konkursoj!

1. Se oni gajnas en kur-konkurso, kiel oni sentas?
2. Se oni atingas la duan lokon, kiel oni sentas?
3. Se oni ne sukcesas gajni, kaj ne alvenas dua aŭ tria, kiel oni sentas?
4. Se oni alvenas al la fino en la lasta loko, kiel oni sentas?
5. Se oni eĉ ne sukcesas fini la konkurson, kiel oni sentas?
6. Se oni jam en la komenco falas pro la ŝu-laĉoj, kiel oni sentas?

7. Ĉu vi kapablas kuri rapide? Ĉu vi ŝatas sporton? Kiujn vi pli ŝatas?
8. Kiu estas la maksimuma (plej longa) distanco, kiun vi povas kuri?
9. Ĉu vi povas kuri maratonon? (ĉ. 42 kilometrojn aŭ 26 mejlojn).
10. Ĉu vi kapablas kuri 100 metrojn en malpli ol dek sekundoj? ...15 sekundoj? 20? Du minutoj? Tri tagoj? Kvar semajnoj? Kvin monatoj?
11. ... Kaj se leono ĉasas vin!?